



1-a

# LITERATURA KONKURSO

# Paulo Silas




bit.ly/konkursopaulosilas

*Branĉoj: Poezio kaj Prozo*

***Sendu vian konkursaĵon plej malfrue ĝis la 31-a de marto 2018.***

KOVRILO

*Nacia muzeo pri kino en Turino, Italujo.*

*Fotisto: Andre Ribeiro (Curitiba, Brazilo)*

*commons.wikimedia.org*

**LA LAMPIRO** *59-a jaro n-ro 149 2018:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Jen ni ekpaŝas kun nova numero de La Lampiro, la unua en 2018.

Kun plezuro ni konstatas, ke multaj verkemaj samideanoj plu apogas la redakcion per siaj tekstoj. Espereble la nova jaro alportos same aktivan partoprenon per tekstoj de niaj membroj.

En ĉi tiu numero de La Lampiro oni trovas plej diversajn legaĵojn. Pri scienco, pri literaturo, pri poezio, pri kino, pri filozofio, pri la movado, pri la lingvo mem. Tio estas intenca. Ni ne limiĝas al apartaj temoj, ĉar supozeble Esperantistoj estas malfermaj al la okazaĵoj kaj novaĵoj troveblaj tra la mondo.

Unu afero tamen ankoraŭ mankas al ni: reagoj de la legantoj. Tio estas tre grava por iu ajn redaktoro.

Bonan legadon!



# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martins Coelho**



Komenciĝas nova jaro, finiĝas unu plia estrarperiodo. EASP plenumas la devon renovigi sian estraron kaj supozeble renovigi per tio ankaŭ sian agadon kaj entuziasmon favore al la ŝtata Esperantomovado. Mi ne povas aserti, ke nia laboro, dum ĉi tiu finiĝanta periodo, estis plene sukcesa. Ni rikoltis favorajn rezultojn kaj fiaskis en gravaj punktoj. La sukcesaj okazis ne nur pro estrara merito, sed pro la helpo kaj kunlaborado de multaj membroj. La malsukcesajn same oni ne rajtas atribui nur al nekompetenteco de la estraro, sed ankaŭ al manko de engaĝiĝo de multaj niaj membroj. Mi parolas specife pri la membro-nombro: kiel en la tuta mondo, ĝi falas. Ni bezonas monon kaj homfortojn por plivastigi kaj pli efikigi nian laboron ene de EASP. Mi do renovigas mian fratan inviton al ĉiu Esperantisto, en la ŝtato San-Paŭlo, ke li sin prezentu por aktiva partopreno en la nobla tasko plifortigi Esperanton en nia regiono.

# Belartaj Konkursoj 2018

## ESTAS TEMPO VERKI



Esperanto estas jam de longa tempo vivanta lingvo. Por tio multe kontribuis la literaturaj verkoj, ĉu originalaj, ĉu tradukitaj, kiuj akumuliĝis dum ĝia tuta ekzisto, ekde la Zamenhofa tempo. Kaj literaturo estas plu grava elemento en la vivanteco de ĉiu lingvo, artefarita aŭ ne. Sekve, literaturo estas ĉiam tre grava, ankaŭ en nia Esperanta kulturo.

Unu el la iniciatoj, kiuj plej efike kontribuis al stimulado al Esperantaj verkistoj estas sendube la Belartaj Konkursoj de Universala Esperanto-Asocio. Ĝi estas la plej tradicia tiaspeca konkurso en nia verda mondo. Per ĝi aperis pluraj gravaj verkistoj, kiuj poste fariĝis tutmonde rekonataj. Indas do plu apogi tiun gravan iniciaton. Estas tempo verki por la eldono 2018.

La Belartaj Konkursoj enhavas branĉojn por prozo, poezio, eseo, teatro kaj infanliteraturo. Akceptiĝas nur originalaj verkoj, neniam publikigitaj en iu ajn formo. Lastatempe, la nova prizorganto, Miguel Gutiérrez Adúriz, enkondukis interesan novaĵon en la branĉon prozo. Temas pri la tiel nomataj "mikronoveloj". Ili devas enhavi maksimume 100 vortojn, do interesa ekzerco de kreemo en sinteza modelo. La unusola premio en ĉi tiu nova kategorio nomiĝas "Premio Paula Adúriz". Jen instiga defio! La kontribuaĵojn oni povas sendi al la respondeculoj per interreto, ĝis la 31-a de marto.

Krom prestiĝo, la Belartaj Konkursoj de UEA donas ankaŭ monpremiojn. La rezultojn oni anoncas okaze de la Universala Kongreso de la koncerna jaro, ĉi-foje do en Lisbono (28 julio - 4 aŭgusto).

Kompletan regularon oni povas legi en:*http://uea.org/teko/regularoj/belartaj_konkursoj* .

Se vi estas verkema, ek!



# Konstruitaj lingvoj
## De utopioj al lingvaj komunumoj

**Manuela Burghelea (Rumanujo)**

*La suba teksto estas resumo de prelego farita de la aŭtorino en la januara kulturkunveno de EASP.*

La konstruitaj lingvoj, nomataj ankaŭ artefaritaj lingvoj aŭ planlingvoj, estas lingvoj racie elpensitaj de unu aŭ pli da homoj. Ili havas diversajn celojn — strukturan aŭ funkcian perfektecon, universalecon, utiligeblecon, fikcian komunikadon, eksperimentan uzon. Multnombraj tiusencaj entreprenoj atestas pri vera serĉado de la ora komunikilo. La Enciklopedio pri inventitaj lingvoj de Albani/Buonarroti (1994) enhavas ĉirkau 1100 lingvojn, varispecajn.

La artefaritaj lingvoj povas esti klasifikataj kiel: sanktumaj, magiaj, filozofiaj, ludaj, literaturaj, artaj, internaciaj, personaj, ŝercaj, sekretaj, fantaziaj. Alia klasifiko, apartenanta al la filozofo Louis Couturat, apartigas la lingvojn en apriorajn kaj aposteriorajn, tio estas: lingvoj, kiuj estas konstruataj komence per nenio devena de la naturaj lingvoj (ekzemple, *Klingon*), respektive, male, konstruitaj lingvoj kiuj baziĝas sur la ekzistantaj lingvoj (ekz., *Latino sine flexione*).

Kvankvam oni ofte riproĉas nenaturecon al la konstruitaj lingvoj, indas pripensi, ĉu ĉiuj homaj lingvoj ne estas artefaritaj. La Biblio klarigas la diversecon de la lingvoj per la babela konfuzo. Aliaj mondaj mitologioj havas proprajn historiojn pri la apero de la lingvo: ĉe la Aztekoj, ĝi estas dono de plorturto al la survivantoj de diluvo; ĉe la Tikuna povo de Amazonio, oni kredas ke la manĝo de du kolibraj ovoj apartigis la genton, kiu komencis disvastiĝi kaj paroli malsamajn lingvojn; la Grekoj pensis, ke la dio Hermes diversigis la lingvojn kaj tiel aperis malpaco; ĉe la aŭstrala gento Gunwinggu, diino donacis al siaj infanoj lingvojn, kiujn ŝi sonĝis, por ke ili ludu per la lingvoj.

Pli proksime al niaj tempoj, indas rimarki ke nunaj tiel nomataj „naturlingvoj“ estis submetitaj al planiga procezo — la franca, devena de kontrolata versio de la lingvoj de Oïl; la moderna hebrea, kiu mortis dum la uzado, sed estis revigligita fine de la 19a jarcento; la literatura araba; la indonezia. Indas mencii ankaŭ, kiel artefaritan lingvon, la signolingvon, aŭ pli akurate la signolingvojn (pli ol 100 nuntempe en la mondo).

Ni rigardu kelkajn el la artefaritaj lingvoj tra la historio.

La plej malnova priskribita konstruita lingvo estas *Lingua Ignota* (Nekonata

lingvo), kiu estas revelacia lingvo priskribita de la abatino Hildegard de Bingen (1098-1179). Temas pri vario de la latina lingvo kun pruntvortoj el nekonataj lingvoj. Lingua Ignota posedas propran skribon. La alfabeto enhavas 23 literojn, la litterae ignotae (nekonataj literoj). La Nekonata lingvo ne estas aŭtonoma lingvo kaj ne priskribas kompletan sistemon, ĝi proponas nur glosaron kaj celas simpligi la latinan. La abatino ne instigis aliajn personojn uzi ŝian lingvon.


Afabeto de la Lingua Ignota


Abatino Hildegard (1098-1179)

*Solresol* estas filozofia muzika lingvo inventita in 1827 de la muzikisto François Soudre. Eblas zumi, fajfi la lingvon, ludi ĝin per muzika instrumento, skribi per la latinliteraj nomoj de la solfeĝo. La sep muzikaj notoj reprezentas alfabeton kompreneblan de la homaro. La kreinto de Solresol gajnis premion en la Universala Ekspozicio de Parizo kaj estis ricevita de Napoleono la 3-a. Lia lingvo estis ŝatata de samtempaj verkistoj, sciencistoj kaj poetoj. Kiel ĝi sonas? „Dore milasi domi“ – „Mi amas vin“; „Dore domilado solresol“– „Mi parolas solresole“.

*Universal* estis kreita en 1852 de la hispana lingvisto Sotos Ochando (1785-1869), kiel filozofia universala lingvo. Ĝi baziĝas sur la principo de korespondo inter la ordo de la objektoj kaj la alfabeta ordo. Ĉiuj literoj havas aŭtonoman signifon en la vortoj: A rilatas al la neorganikaj materioj, B al la liberalaj artoj, C al la meĥanikaj artoj, D al la politikaj aferoj, E al la vivantaro, ... Tiamaniere, la fonemoj estas uzataj meĥanike, do se oni ŝanĝas nur unu literon oni ŝanĝas la vorton. Tiu sistemo videblas en la numeroj: siba, sibe, sibi, sibo, sibu, sibra, sibre, sibri, sibro, sibru.

*Interlingvao* estas Novlatina planlingvo ellaborita inter 1948 kaj 1950 de skipo de usonaj kaj eŭropaj filologoj. Ĝi estas naturalisma planlingvo kaj ĝiaj karakteraj aspektoj baziĝas sur komuna elemento en almenaŭ tri eŭropaj lingvoj, ĉefe latindevenaj. La parolantaro konsistas el proksimume mil fluaj parolantoj. Ili renkontiĝas en kongresoj kaj havas revuon eldonatan de Monda Unuigo por Interlingvao.

Similmaniere, Interslava lingvo (*Slovianski*) estis kreita en 2006, ankaŭ kiel frukto de skipa laboro, por faciligi la komunikadon inter la parolantoj de slavaj lingvoj. Ĝi estas skribebla per la latina aŭ per la cirila aboco.

Por ĝermanlingvanoj, en 1995 estis

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

proponita *Folksprak*, intergermana lingvo kiu ebligas zonan interkomunikadon.

En 1996 aperis *Eŭropanto*, planlingvo kreita de la itala interpretisto kaj ĵurnalisto Diego Marani. Ĝi estas hibrida eŭropa lingvo kun parodiaj / ŝercaj trajtoj. La kreinto klarigas ke „Europanto no est Englado, no est Espano, no est Franzo, no est keine known lingua aber Du understande!". Tiu lingvo ne havas, kaj pretendas ne bezoni, gramatikajn regulojn. La parolantoj havas la liberon miksi laŭplaĉe la lingvojn kiujn ili konas: „Comme se dixit in Europanto I love you ? A. Ich turbo toi; B. Ich amorante van toi; C. Me palpito por toi"

*Tokipono* estis konstruita de la esperantistino Sonja Lang kaj unue publikigita en la interreto en 2001. La nomo de la lingvo estas derivata de la piĝina vorto *tok* kaj la Esperanta adjektivo bona. Tokipono kontentiĝas kun baza vortostoko de nur 123 vortoj kaj havas nur kvin bazajn numeralojn. La lingvo distingas radikvorte ankaŭ nur 5 kolorojn: „walo" (blanka), „pimeja" (nigra), „loje" (ruĝa), „laso" (blua), „jelo" (flava). Oni esprimas aliajn kolorojn per kunmetaj sintagmoj: „laso jelo" = „flavblua, verda".

*Pandunia* estas Internacia planlingvo farita de Risto Kupsala kun aliaj kreantoj, komencita en 2005. Ĝi celas internaciemon kaj lingvan neŭtralecon kaj uzas vortojn de multaj lingvoj, ekzemple la angla, la araba, la ĉina, la hispana, la franca, la hinda, la japana, la persa, la rusa, la svahila kaj aliaj lingvoj. Kiel saluti en Pandunia? „salam" — „Saluton!"; „suba salam!" — „Bonan matenon!"; „den salam!" — „Bonan tagon!"

La prezentitaj lingvoj estas nur ero de la artefaritaj lingvoj. Granda komunumo de kreantoj de lingvoj („conlangers", el la angla) aperis kun la interreta epoko. Ekplorendaj: *Dovahzul, Ygyde, Pegakibo, Bureaulangs, Futurese, Vötgil, Wolflandic, ...*



# Edukado

## Mia sperto kiel instruisto en publika mezgrada lernejo en Brazilo

**Alexandre Serafim (Irajubá-MG)**

Post kvinjara periodo kiel instruisto en publikaj lernejoj venas al mi pluraj konsideroj. La lernantoj alternas inter agitado kaj karesomanko. Pro tio la fina celo de la edukado estas iom lama pro tio ke la instruistoj nur instruas kaj postlasas la indivuecon de siaj lernantoj.

En la unuaj jaroj, kiel instruisto, mi obstinis instrui al ili, tamen multaj venas al la lernejo sen moralaj instruoj. Ekzemple: iam mi diris al knabino, kiu volis iri al la necesejo: "Iru kun Dio kaj revenu tuj!" Ŝi supozis ke mi mokas. Tiaj estas multaj lernantoj, parte ĉar la familio ne atentas pri siaj infanoj. Iun tagon, dekjara lernanto montris al mi sian ekzamenon. OK poentojn li trafis. Mi diris al li: "Montru tion al via patro!" Iom konsternite li diris: "Mia patro ne atentas pri tiaj aferoj."




Tial, nuntempaj lernantoj estas karesomankaj, sekve ili ne ricevas edukadon pri reguloj kaj limoj pri sia konduto. Foje, ni instruistoj, estas la unuaj plenkreskuloj en la tago de la infano, kiuj donas admonojn. Entute, ne kulpas nur la familio sed ankaŭ la socio. Antaŭ kelkaj jardekoj, lernantoj venis al lernejo plenaj je spertoj tute malsamaj ol tiuj de nunaj lernantoj, kiuj ekde frua aĝo spektas televidon, uzas komputilon kaj similajn aferojn. Tiam, la lernejo fiaskas, ĉar infanoj venas al ni plenaj je konoj kaj vivas en teknologia mondo, kie la informado kaj produktado de teknologioj estas tiom fluanta kiel rivero plena je akvo. Kaj ni tede instruas, ekzemple, legadon per simplaj kaj foje stultaj frazoj kiel: "La ansero vidas la anserinon". La praktika vero estas ke instruistoj ne devas plu instrui lernantojn kiel oni instruadis ekde la jaroj post 1950, ĉar la lernantoj estas malsamaj disde tiuj el la pasinta jarcento.

Konklude, laŭ mia sperto kaj miaj studoj, instrui nuntempe estas ne nur, kaj simple, plenigi sitelon je konoj sed pretigi la infanojn por esti civitanoj en ĉi tiu mondo, por ke ili faru pli bonan mondon. Instrui hodiaŭ estas doni atenton, amon, moralajn konojn kaj sciojn. Edukado celas fari bonajn homojn por pli bona mondo! Dum la lastaj jardekoj la edukado ŝanĝiĝadas, kaj novaj metodoj antataŭas malnovajn instruajn metodojn kaj novaj instruistoj diplomiĝas por anstataŭi la nunajn. En la nuna momento la celo esta instrui al lernantoj kvar bazajn konojn, laŭ UNESKO, kiuj estas: scii fari, scii kompreni, scii kunvivadi kaj scii esti. Laŭ Unesko bona civitano por la nuna jarcento entenas tiajn kvalitojn.



# Renoir

Anna Lobo (São Paulo-SP)

**Nomo**: Renoir
**Reĝisoro**: Gilles Bourdos
**Roluloj**: Michel Gouquet, Shrissa Théret kaj Vicent Rottiers.
**Nacio**: Francio, 2013.




Por la unua recenzo, mi volis skribi pri iu inspiriga filmo por bone eketosigi la jaron. Post multe da esploradoj, malhelpoj kaj rondiradoj — mi decidis konigi al vi pri la filmo... suspensa halto... Renoir! Mi supozas ke vi iam aŭdis tiun faman nomon, kaj eble interesiĝas pri liaj arto kaj vivo. Eĉ se ne estas tiel, ĝi estas tre spektinda laŭ mi, kvankam ĝi ne taŭgas por infanoj.

La loko en kiu ĝi estis filmita estas ege impresa kaj reviga. Ankaŭ la epok-vestaĵoj bone elektitaj. Same bonas la elpensado pri kiel rakonti la historion. Ĉio estas laŭ tio, kiel devas esti filmo pri Renoir – revulo meze de katastrofoj, kiu ĉiam emis al beleco kaj esprimi ĝin pere de siaj pentraĵoj. Mi pensas ke eĉ pro la batala etoso siatempe, li rifuzis aldoni pliajn nigrecon kaj malbelecon. Lia animo ĉiam volis montri kolorojn, belecon, pacon kaj subtilecon — spite al lia plendemo.

La fokuso de la filmo estas liaj lastaj jaroj, la etoso en lia familio kaj domo, ĝis lia forpaso. Tial, la filmo komenciĝas je la alveno de bela virino kiu estis vokita de la forpasinta edzino de Renoir por pozumi al li. Kaj de tiam ĝi montras kiel Renoir vidas la mondon, kiel li travivis siajn lastajn jarojn kun artrito, kaj pri liaj filoj — ĉefe pri Jean Renoir kiu iĝis poste tre fama kina direktoro. Ĝustatempe, Michel Bouquet brilegas kiel Renoir.

Ĉu vi estas artema kaj kinejema kiel mi? Do, mi vere konsilas ke vi enakviĝu en impresionismon kun Renoir kaj malkovru iomete pli pri lia vivo.

Ĝis la sekva filmo kaj bonan spektadon!

# Pri ILEI, la Brazila Sekcio kaj kion ni celas

**Aristófio Alves Filho (Maceió-AL)**

La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj – ILEI (http://ilei.info) estis fondita en 1949 kun la celoj akceli la instruadon de Esperanto; trejni kurs-gvidantojn; okazigi ekzamenojn; eldoni modernajn lernilojn; proksimigi kaj kunordigi esperanto-instruantojn kaj iliajn lernantojn.

Ĝia nuna prezidanto estas la svisa pedagogino Mireille Grosjean. ILEI estas faka asocio aliĝinta al UEA kaj ĝi havas sekciojn en pli ol 40 landoj kaj membrojn en pli ol 70.

La agadoj de ILEI estas: organizi kongresojn kaj simpoziojn; subteni regionajn priedukajn aranĝojn; katalogi kaj apogi instruadon de Esperanto ebligante interkulturajn kontaktojn; prizorgi instruistan trejnadon laŭeble kunlabore kun oficialaj instancoj; kaj reprezenti la esperantistan agadon en nemovadaj rondoj kiel ĉe Unuiĝintaj Nacioj, Unesko, kaj similaj.

La plej nova projekto de ILEI estas: ***"Unu leciono pri Esperanto por ĉiu lernejano en la tuta mondo"***. Pri ĝi oni povas legi en la retejo de ILEI ĉe projektoj, kie eblas elŝuti la dokumentojn kaj partopreni.

Ĝi eldonas la organon ***"Internacia Pedagogia Revuo"*** kun fakaj kaj praktikaj instrukonsilaj artikoloj, kune kun edukaj novaĵoj kaj esploroj, recenzoj de lernolibroj, interkulturaj agadoj kaj organizaj informoj. IPR aperas kvar (4) foje jare kaj ĉiu numero havas 40 riĉe ilustritajn paĝojn. Alia eldono de ILEI estas la revuo por komencintoj, lernantoj kaj progresemuloj: ***"Juna Amiko"***, kun artikoloj pri aktualaj temoj, rakontoj, poemoj, kantoj, kvizoj, raportoj pri E-aranĝoj, kaj aliaj materialoj verkitaj de gelernantoj kun la helpo de kursgvidantoj dise tra la tuta mondo. ILEI estas ankaŭ eldonejo kunlabore kun aliaj institucioj kaj eblas mendi gravajn librojn por instuistoj kiel *"Detala Gramatiko de Esperanto"* kaj *"Manlibro pri Instruado de Esperanto"*.

La ILEI-konferencoj kunsidigas geinstruistojn el pluraj landoj por pridiskuti novajn intrumetodojn, lernolibrojn, projektojn de la Ligo, agadojn de la landaj sekcioj inter aliaj aferoj. Jam okazis 49 konferencoj. Mi havis la oportunon partopreni la 24-an en Hannabanilla, Kubo en 1990. Ekde la 50-a, la konferencoj fariĝis ILEI-kongresoj. Do, en Busan/Suda Koreio — 2017 estis la jubilea 50-a ILEI-kongreso.

En Madrido, Hispanio, de la 20-a ĝis la 28-a de julio 2018, okazos la 51-a, kies temo estos: ***"La kultura heredaĵo de Esperanto"***, kune kun la 77-a Hispana Kongreso de Esperanto(1). Unu el la programeroj estos la ĉeesta praktika seminario kun ekzamenoj por la geinstruistoj, kiuj partoprenas la retan

kurson — EIT (Esperanto-Instuista Trejnado), kiun gvidas Katalin Kovats de Edukado (www.edukado.net), la paĝaro por geinstruistoj, kursgvidantoj kaj memlernantoj kun multaj elŝuteblaj instru-materialoj, ludoj, klerigejo, ekzamenoj, biblioteko, kursejo, komunumo k.m.a.

ILEI kunlaboras kun UEA kaj Edukado por realigi la ekzamenojn laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro (la KER-ekzamenoj), kiuj okazas dum la jaro kadre de diversaj kongresoj (UK kaj aliaj), seminarioj, staĝoj, kiel tiuj de la Kastelo Greziljono, Francio, Someraj Kursoj kiel tiuj de NASK, Usono kaj ankaŭ la Tutmondan Ekzamentagon, kiu efektiviĝas samtempe en pluraj urboj de la mondo.

Ĉi-jare estos la 7-a sesio de la Tutmonda Ekzamentago, je la 16-a de junio 2018[(2)]. Kuritibo pioniris en Brazilo. La profesoro Ivan Colling (UFPR) organizas tie, ĉiujare, la KER-ekzamenojn. Kaj Maceió, la dua urbo kiu aliĝis, kun la kunordigo de Alagoana Asocio de Esperanto kaj la helpo de esperantistoj el Recife, jam suckcesis okazigi 4 sesiojn (2013, 2015, 2016 kaj 2017).

Espereble baldaŭe ni havos sesiojn en ĉiuj brazilaj ĉefurboj. Trapasi la KER-ekzamenojn estas rimedo por ke la lernantaro taksu la propran progreson en la lernado de la lingvo kaj ankaŭ estas motivo de fiero. Facile vidiĝas la ĝojaj mienoj de la sukcesintoj kiam ili ricevas la belaspektan kvarlingvan atestilon. Krome, tio donas seriozecon al la lingvo kaj al la movado.

La brazila sekcio de ILEI ekzistas ekde la jaro 1975, kies unua sekciestro estis la pedagogino Elvira Fontes[(3)]. Ŝi ĝin estris ĝis la jaro 2002. De tiam aliaj homoj prenis la torĉon. Bedaŭrinde dum pli ol du jaroj la sekcio iom lamis. Nun, ni strebas restarigi ĝin. Nia agado devas kongrui kun la celoj de la Ligo kaj naciskale klopodi plenumi ilin. Tial ni jam kontaktas la brazilan instruistaron kaj preparas paĝaron kaj flugfolion por informi niajn kolegojn kaj iel helpi ilin. Ni esperas kunlabori ankaŭ kun la Eduka Komisiono de BEL kaj kun la direktoro pri instruado de BEJO por bone plenumi nian celaron. La unua prelego pri la ILEI-Brazilo estos dum la 20-a NER / 6-a JRN, en la urbo Campina Grande/PB, la 11-an de februaro 2018. Komence de la jaro la landa sekcio havas la devon raporti al la Ligo pri la okazintaj kursoj dum la pasinta jaro, pri la membraro de ILEI en nia lando, kaj pri aliaj edukaj agadoj.

Membriĝi al ILEI eblas laŭ tri manieroj: 1-e) rekte ĉe la paĝaro de ilei (www.ilei.info/dok/sekcioj.php), kie oni povas elŝuti la personan aliĝilon en PDF aŭ DOC, post tio oni devas plenigi ĝin kaj sendi ĝin al la Ligo; 2-e) abonante la gazeton IPR ĉe belabutiko[(4)]; kaj 3-e) kun helpo de la ILEI-sekciestro.

Brazilanoj, por aliĝi al la Ligo kaj ricevi la paperan version, pagas nur 10 eŭrojn kaj por legi la retan version, 5 eŭrojn . Ĉiuj membroj ricevas kvar (4) numerojn de la gazeto IPR kaj ĝuas rabaton por partopreni ILEI-eventojn. Eblas elŝuti senpagan ekzempleron de IPR ĉe la retejo de ILEI. Mi invitas ĉiujn instruistojn, intruantojn, edukajn aktivulojn kaj edukajn subtenantojn

# Argumentado por Esperanto

Esperanto estas la ŝlosilo kiu ebligas la aliron al la ĉefaj literaturoj de la mondo.

Unu el la eraraj antaŭjuĝoj kiujn oni konstatas rilate al Esperanto estas ke ĝi pretendas anstataŭi la naciajn lingvojn. Sed tiu koncepto ne kongruas kun la realaĵo de la lingvo

Esperanto celas nur esti la dua lingvo de ĉiu popolo.

Kontraŭe al tio, kion multaj personoj pensas, la esperantistoj kutime konsilas ke ĉiuj zorgu pri siaj lingvoj, do ili estas la fundamenta bazo pri kiu estas fundamentita la kulturo de ĉiu popolo. Neniu konaĵo, neniu scienco fariĝas konata pli bone ol per nia propra lingvo. Tial, por nenio, ni devas forlasi tiun altvaloran bonon, ĉar kiu ajn nacia lingvo estus adoptita, ĝi lasus la ceterajn en malavantaĵo.

Esperanto jam estis oficiale adoptita dum 102 internaciaj kongresoj realigitaj en la kvin kontinentoj, ĉeestataj de miloj da personoj komprenante sin reciproke, kiel se ili apartenus al unu sama lando. Ĉi tio estas elokventa atesto pri ĝiaj efikeco kaj praktikebleco.

Oni lernu do la lingvon Esperanto ne nur por plivastigi la horizontojn de nia kulturo, sed ankaŭ por pligrandigi la rondon de personoj indaj je nia amikeco dum nia tuta vivo.

Ne forgesu: La diverseco de la lingvoj malapartigas la homojn, Esperanto proksimigas ilin. Lernu ĝin do!

Osvaldo Pires de Holanda

membriĝi al ILEI kaj helpi al ni realigi pli bone niajn celojn. Estu bonvenaj karaj gekolegoj al nia *Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj - ILEI !*

Fonto: Jarlibro de UEA, Retejoj kaj flugfolio de ILEI kaj Edukado.net

Aristophio A. Alves Filho — Brazila ILEI-sekciestro

Kontaktoj:
esperantomaceio@yahoo.com.br
whatsapp (82)99986-5126
www.facebook.com/ILEIenBrazilo
http://ileienbrazilo.org (Konstruata)

---

*(1) (http://www.esperanto.es/kongreso)*
*(2) (https://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj)*
*(3) (https://edukado.net/biblioteko/panteono)*
*(4) (http://belabutiko.esperanto.org.br)*



# Lisbono - gasturbo de la UK 2018

## Historio de Lisbono (Portugalio)

**Cristina Graaf (Ilhabela/SP)**

***Lisbono, miljara urbo (1200 a.K al 1300 d.K)***

Lisbono! Ĉefurbo de Portugalujo, lando kiu donis al ni, brazilanoj, niajn kulturajn radikojn, nian ligvon.

Lokita en enfluejo de granda rivero, Tejo, unu el la plej grandaj estuaroj de Eŭropo kaj grava natura ŝiphaveno, konata kiel " Maro el Pajlo", situanta en privilegia loko por mara komerco, estis, en la pasinteco, grava komerca loko kaj naskiĝejo de grandaj navigadoj kaj eltrovoj.

Dum prahistorio ĝi estis loĝata de la Oestrimnes, kio signifas "Homojn de la Malproksima Okcidento". Arkeologiaj malkovroj montras, ke ĉirkaŭ 1200 jaroj a.K. la Fenicoj jam komercis en ĉi tiu regiono. Ili fondis kolonion nomatan "Alis Ubbo", kio en la fenicia lingvo signifas Sekuran Havenon; kaj al la rivero ili nomis "Daghi" aŭ "Tagui", tio estas, Bona Fiŝkaptado.

Ĝi ricevis keltajn enmigrintojn. Post iom da tempo ĝi estis konkerita de la grekoj kaj kartaganoj, kaj de ĉi tiu miksado devenis la luzida popolo. Post 200 jaroj da militado, ĝi estis ekregata de la romianoj, kiuj nomis ĝin "Olissipo", kaj ĝi iĝis la ĉefurbo de Roman Lusitania.

La urbo situis inter la Kastelo-monteto kaj la Baixa, sed la plej riveraj areoj estis ankoraŭ submetitaj de la Tagus. Ĝiaj ĉefaj produktoj estis Garo, luksa fiŝa saŭco, salo kaj la jam famaj Luzidaj ĉevaloj.

Dum 711 p.K. la urbo ĝi estis regata de la islamanoj, kiuj donis al ĝi la nomon "Al-Ushbuna".

En ĉi tiu tempo, pli norde, Alfonso de Leão ricevis la manon de la infanino D. Tereza de Leão kiel premion por helpi reakiri terojn de la maŭroj, kaj venis kun la doto de la princino la graflando Portucale (Ŝiphaveno Cale). En 1139, ĝi fariĝis sendependa de la reĝlando de Leono kaj Kastilio: naskiĝis la Regno de Portugalio. La fina reakiro Alusbuna de la maŭroj okazis en 1147, fare de Afonso I, reĝo de Portugalujo, kun helpo de la floto de la Dua Krucmilito.

La unua alvokiĝo de Mezepoka Kristana Lisbono estis denove la komunikado de komerco inter la Norda Maro kaj la Mediteranea, kaj danke al progresoj en oceana navigado, la volumo de ĉi tiu komerco pliiĝis. Ĉi tio alportis al la urbo grandan prosperon.

Ŝipkonstruejoj estis establitaj por konstruado de pli komercaj kaj militaj ŝipoj, kies armado estis esenca por protektado de komerco kontraŭ la arabaj piratoj. Novigoj estis stimulitaj en la konstruado de ŝipoj, kiuj de la forta sed primitiva boato atingis tuton de kristana scio, vikinga kaj araba, al la

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

karavelo, la unua vera Atlantika ŝipo. Al la profesioj ligitaj al navigado, kiel lignaĵistoj kaj maristoj, privilegioj kaj protekto estis donitaj.

En 1256, Afonso la Tria de Portugalio elektis la plej grandan kaj viglan urbon de sia reĝlando por ĉefurbo, kaj li transsendis tien  la Kortumon.

En 1290, D Dinis, la unua reĝo, por elmontri sian regadon en Lisbono, fondis la Universitaton de Lisbono, la unuan kaj plej grandan universitaton en Portugalio hodiaŭ.

La lisbona socio disvolviĝis kaj kreskis, kaj estiĝis granda metropolo, ĝis 1290, kiam la unua granda tertremo okazis, kaj mortigis milojn da homoj kaj detruis multajn konstruaĵojn. Aliaj okazis en la sekvaj jardekoj. Malsato kaj la Nigra Morto aperis. Duono de la loĝantaro estas perdita, same kiel ĉie en Eŭropo. Detruiĝis la vigla civilizacio de la Malfrua Mezepoko kaj ekestis  vojo por la nova civilizacio de la Malkovroj kaj la nova scienca spirito.



# Muziko

## Sono - Kion ni scias pri ĝi?

**Alfredo Aragón (Rio de Janeiro-RJ)**



Kelkaj el vi jam aŭdis min diri, ke danke al Dio la homo scias nenion pri la forto de la sono. Se ĝi estus konata, la fino de la mondo jam estus okazinta antaŭ multe da tempo, kaj tutcerte ni ne ekzistus.

Imagu, se la sciencistoj-detruistoj klopodus kompreni kaj studi pri tio, kiel Josuo faligis la murojn de Jeriĥo, anstataŭ prijuĝi la dirаĵon kiel pian kaj fantazian skribaĵon. Eble ili eble konstruus bombon el sono. Mi aludas al parto de la Biblio, sed sur montras la lokon kie vi devas legi ĝin: Josuo 6 (pli bone, ke vi legu la tuton) kaj vi komprenos mian diraĵon: trumpetoj estas la plej laŭta kaj brua inter la muzikaj instrumentoj, kaj la homa voĉo estas la plej forta produktanto de harmoniaj sonoj (sono neniam estas pura, ĝi estas akompanata de aliaj sonoj) kaj se ni aldonas al la sonoj de la trumpetoj kriojn de la popolo, la vibrado devas esti frakaspova.

Laŭ nia aktuala vidpunto la Biblio estas ne nur la historio pri la judoj sed mistera libro plena je sekretoj, alegorioj, kaj metaforoj kiu devas esti tre zorge legata kaj studata. Do, venas pluraj demandoj: kial rondiri 7 fojojn? Kaj tiu lasta (la sepa) sep fojojn? Kial 7 trumpetoj? Ĉu en unusonoj, aŭ ĉiu en malsama sono? Sed ne estas mia intenco deĉifri tion, nur montri aferojn rilate sonojn.

Dum mia sperto pri helpo al lernantoj pri muziko, mi faris plurajn aranĝojn (orkestrajn) kaj estis interne de registrejoj. La komponisto de la melodio enmetis en la registradon la ideon: ĝi vendiĝos multege. Aŭ ĝi sonos ĉie (aŭdiĝos ĉie) kaj kiel rezulto de la unua penso, vendiĝis multege, sed ne multe oni aŭdis, kaj por la dua: oni aŭdis ĉie (radio, televido, hejme, ktp.) sed tre malmulte vendiĝis.

Do, la muziko estis uzata por subliminala ordono (sen la scio de la grupo). Se la muzikistoj uzas drogaĉojn la mesaĝo estas "uzu drogaĉojn". Kompreneble, nur se oni estas en la sama nivelo de uzantoj. Ĝi ne trafos virtulojn. Jen kial kelkaj muzikoj allogas nin al amo, drinkado, dancado, amoro, ktp., kaj tio estas rilato inter sonoj kaj koloroj. Ne forgesu, ke ĉio estas vibrado. Sono estas vibrado laŭ la limo de la homa aŭdado, koloroj estas vibrado laŭ la limo de nia vido.



# La monstro datrevenas

## 200-jara Frankenstein

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**

En januaro 2018 la mondo rememoras unu el la plej simbolaj figuroj de la monda literaturo kaj kinoarto: la verko "Frankenstein, aŭ la Moderna Prometeo", lanĉita unuafoje en la jaro 1818, en Britujo. La aŭtorino, Mary Shelley, verkis ĝin dum la jaroj 1816 kaj 1817, kaj estis nur 20-jaraĝa, kiam la verko publikiĝis unuafoje. La unua eldono, kiu konsistis el nur 500 ekzempleroj, tamen ne aperigis la nomon de la verkintino. La sukceso estis tuja kaj furora, kaj sennombraj eldonoj sekvis. Definitiva teksto aperis poste, kun ŝanĝoj.



Kuriozaj estis la cirkonstancoj, en kiuj ŝi komencis la verkadon de tiu klasikaĵo. Dum somerumado kun sia tiama fianĉo, la fama poeto Percy Shelley, en Svisujo, kune kun la amiko (ankaŭ poeto) Lord Byron, la vetero fariĝis malbona. Ĉar la grupo devis resti enfermita en la gastejo, unu el ili proponis, ke ĉiu verku rakonton en la ĝenro "fantoma", aŭ "hororа". Tiam ŝi ekhavis la ideon verki romanon pri medicinstudento, kiu vivigis homan estulon.

Pro influo de multaj kinoversioj de la rakonto, multaj homoj ankoraŭ pensas, ke Frankenstein estas la nomo de la kreita monstro. Fakte, en la libro, Viktor Frankenstein estas la nomo de la kreinto, kiu estis studento de natursciencoj. La kreito mem ne havas propran nomon, kaj estas menciita ĉiam kiel "Monstro", "Demono", "Malbenito", "Kreito". Ĝi havis flavan haŭton, naŭzan aspekton kaj altan staturon.

La unua filmo farita surbaze de tiu libro datiĝis de 1910. Multaj aliaj sekvis, ĉiam emfazante la "hororan" flankon de la rakonto. Tamen, redukti "Frankenstein" al hororaĵo estas neĝuste kompreni ĝin. La tuta signifo devenas de la helena mitologio: Prometeo estis Titano, kiu ŝtelis la fajron de la dioj kaj transdonis ĝin al la homoj. Temas pri la homa revo fariĝi dio. La plej valora kreaĵo de dioj estas la vivo mem, kaj la juna Frankenstein sukcesis krei homecan vivulon, eĉ se malfeliĉan kaj vivantan marĝene de la homaro. Tamen, la Kreito demandas pri la signifo de la vivo, de la destino, pri la rilatoj inter kreinto kaj kreito. Ĝi havas homajn sentojn kaj angorojn. Kruelaĵoj okazas pro malharmonio en la "animo" de la Monstro, same kiel okazas kun la "normalaj" homoj.

En Esperanto ekzistas traduko de la jubileanta verko, farita surbaze de la unua eldono, de 1818. Ĝi estas disponebla en la interreto(*).

Certe ĝi meritas viziton.

*(*)http://012.upp.so-net.ne.jp/klivo/frankenstein*

# Poezia sperto

## Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)

Necesas malarmi la okulojn kaj sin fordoni al la vivsimpleco; kvankam dummomente.

En la fruaj 70-jaroj, laborante por la nomata Projekto Rondon en Amazonio, miaj oreloj silentiĝis, antaŭ la majesta korbatado de Dio en la Amazonia Pluvarbaro.

Nur hazarda susuro de flugilhavaj koloroj ektrapenetris tian sanktan silenton. Ĝoja larmo stampis mian junan adormomenton.

Post dek jaroj, mi edziniĝis. Dum la akuŝoj, la sento de la dia kaj samtempe elterula aparteno: la ekploroj de miaj infanoj enkondukantaj  vivon.

Tamen en 1990 mi spertis kvazaŭan epifanion. Dum mia somera trajnmonata vojaĝo tra Eŭropo, mi kaj la edzo atingis Italujon frumatene. Ni eniris silentan fervojan stacidomon de Venecio.

Lacaj ni sidiĝIs sur ŝtupo kaj mian koron trafis forta kaj neforgesebla emocio. La mistera urbo ravis mian animon: estinto kaj estonto dancadis laŭ la estanta takto.

Sub niaj piedoj Poezio kovris dekojn da junuloj, kiuj dormadis sur la ŝtuparo en dolĉlibera fordono  al la mistero de la venecia mateniĝo. Miaj okuloj do ekaŭdis dankantan melodion al  Vivo.



# Recenzo

## "Amo inter ruinoj", de Trevor Steele - Eldonejo FEL

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**

Ĝis kiu punkto la ŝtato intervenas la privatan vivon de civitanoj? Ĉi tiu demando lastatempe okupas la penson de ĉiu normala homo. Sendepende de la la koloro de la reganta politiko (ĉu dekstra, ĉu maldekstra, se tio signifas ion, nuntempe), la ĉiutaga vivo de homoj suferas influon de la ŝtato, multe pli ol oni supozas. Foje en drasta, suferiga maniero. La kontraŭo apenaŭ okazas: civitanoj havas preskaŭ nenian forton por influi la ŝtaton kaj la vivon de politikistoj. Kaj en la socialisma, kaj en la kapitalisma reĝimoj, politikistoj enfermiĝas en specon de privilegia kastelo, tute ŝirmataj kontraŭ premoj el la reala, socia vivo. Anstataŭ servi la popolon, la ŝtato ĝin submetas kaj ekspluatas.

Pri tio temas la bonega romano "Amo Inter Ruinoj", de la prestiĝa aŭstraliano Trevor Steele. Mi konfesas, ke li estas unu el miaj preferataj aŭtoroj en la moderna Esperanta literaturo. Lia verko "...Sed nur fragmento" estas vera klasikaĵo.

"Amo Inter Ruinoj" estas broŝuro 230-paĝa, bone presita, sub esprimoplena kovrilo. Ĝi enhavas rakonton pri juna aŭstraliano, kiu suferas amelreviĝon kaj decidas vivi dum iom da tempo en Sovetunio, en la 1990-jaroj. Fakte li intencas renkonti Esperantistinon, kun kiu li korespondis, kaj kun kiu li emas konstrui novan amaferon. Tie li trovas landon en stato de ruiniĝo, rilate ekonomion kaj homajn rajtojn. Korupto kaj krimado svarmas. Tra la rakonto, oni facile konstatas, ke la ĥaoso en la socia strukturo rekte turmentas la vivon de la loĝantaro. La neŭtrala rigardo de eksterlandano estas surprizita. Kio okazos al la Sovetunio de Gorbaĉov? Kio okazos al la vivovojo de idealisma aŭstralia Esperantisto (kaj liaj novaj geamikoj)? La politikaj okazaĵoj lerte teksiĝas inter la personaj travivaĵoj. La roluloj estas arte montrataj, tiel ke ili aspektas kiel realaj personoj. La aŭtoro miksas ĉiutagaĵojn kun grandaj sociaj movoj per talenta maniero. Ofte la leganto ne sukcesas interrompi la legadon.

La stilo de Trevor Steele estas sufiĉe konata pro sia viveco, flueco kaj natureco. Malmulte da neologismoj, simpla kaj esprimoriĉa Esperanto. Nur unu averto: li havas obsedon pri uzado de participo finiĝanta per "us":

*"Eble komuna intereso tia helpintus teni ilin kune?"* (p. 13); *"Se vi rekte demandintus, mi skribintus al vi..."* (p. 51); *"...tia intervjuo estintus neebla antaŭ kelkaj jaroj."* (p. 56)

La legantoj devas alkutimiĝi al tiaj (miaopinie iom pezaj, nenecesaj) formoj, kiuj cetere ne malhelpas la legadon. Gravas, ke ĉi tiu romano sendube pliriĉigas mian bibliotekon.



# Esperanto-renkontoj en la Paraiba Valo

*Unu plia renkonto en Lorena-SP*




Estas konata kaj ofte komentata fakto, ke la Esperantistoj, nuntempe, precipe agadas kaj praktikadas la lingvon (kaj ĝuas ties kulturon) en la virtuala mondo. Senkontesta fakto: ĉefe la junuloj fervore aktivas en interreto. Ĉi tiu nova fenomeno havas konsekvencojn bonajn kaj malbonajn por nia afero. Estas defio alfronti ĝin por kiel eble plej pozitive profiti de ĝi.

Fakto tamen estas, ke interpersonaj renkontoj por praktikado de nia lingvo pli kaj pli malofte estas apogataj. Ŝajnas, ke por multaj el ni la surekranaj kontaktoj sufiĉas. La kongresojn kaj similajn eventojn ĉeestas malpli da interesitoj, nuntempe. La kulturkunsidoj en kluboj kaj asocioj fariĝas nur rondetoj. La kvanto da membroj mem de la asocioj malpliiĝas.

Prudento ordonas, ke ni serĉu mezan vojon. Personaj interparoloj, kune kun manpremoj kaj brakumoj estas nepre necesa parto de vera homa komunumo. Lingvo taŭgas ankaŭ kiel perilo por amikiĝo, por ĉeesta kunsentado. Absolute ne eblas, ke virtualaj renkontoj plene anstataŭu personajn renkontojn.

Pro tio, oni kreis en la regiono de la Paraiba Valo, inter la ŝtatoj Rio kaj San-Paŭlo, regulajn renkontojn de "realaj" homoj, kiuj emas interparoli en Esperanto. Ĝi estas regiono, kie ĉeno da relative proksimaj urboj viciĝas, kaj en multaj el ili ekzistas rondeto de Esperantistoj, aŭ almenaŭ izolitaj samideanoj. De kelkaj jardekoj ili renkontiĝas por babilado kaj kleriĝo, en Esperanta etoso. Jam okazis preskaŭ cent tiaj renkontoj, nuntempe dufoje en ĉiu jaro, alterne en Rio kaj San-Paŭlo. Por ilia sukceso, kompreneble necesas apogo de la movadaj asocioj en la ĉefurboj en la koncernaj ŝtatoj. La partopreno estas senpaga kaj senburokratia: simple alvenu kaj ĝuu. Oni prezentos prelegojn, ludojn, lingvajn gutojn, kvizojn, filmetojn, diskutojn. Kaj precipe oni kunvivados dum unu agrabla dimanĉo. Vi estas elkore invitata helpi, ke Esperanto estu vera vivanta homa fenomeno.

La proksima Esperanto-Renkonto en la Paraiba Valo okazos en Lorena, en la 22-a de aprilo 2018, de la 9-a ĝis la 17-a horo, en la Kulturdomo de tiu urbo ( R. Viscondessa de Castro Lima, 39 – Centro). Alvenu amase!

# Pri nia kara lingvo

## Kelkaj komentoj pri la esperanta leksiko

**Herbert Welker (Brasília-DF)**

Du- aŭ trifoje mi aŭdis iujn — kiuj evidente sciis malmulte pri Esperanto — ke en la internacia lingvo ĉiu vorto havas ununuran signifon kaj do por ĉiu signifo ekzistas ununura vorto.

Kompreneble tio ne eblus — aŭ, se oni inventus tian lingvon, ĝi estus multe tro malsimpla, tro malfacila, ĉar ekzistas milionoj da signifoj, da konceptoj. Do oni bezonus krei milionojn da vortoj.

Pro tio en la naturaj lingvoj la plej-multo da vortoj havas plurajn signifojn, tiel ke en la unulingvaj vortaroj troviĝas por plej multaj el la kapvortoj du aŭ pli da difinoj, kaj en dulingvaj vortaroj du aŭ pli da tradukoj.

En leksikografio la fakuloj diskutas pri la plej bona maniero subdividi la vort-arajn artikolojn (t.e. la tekstojn kiuj sekvas la kapvortojn). Ĝenerale la vort-aroj diferencas inter si tiurilate.

Konata brazila leksikografino (Maria Theresa Biderman) diris:

"Kiam la vorto havas plurajn signifojn, estas tre komplike aparte montri la ĉefajn el ili sen konsideri la kromnociojn kiuj rezultas el la konteksto, t.e. mencii nur la bazajn signifojn [...]."

Analizinte brazilan vortaron en kiu certa kapvorto estas subdividita en 32 signifoj, ŝi proponis fari nur 12 subdividojn. En du aliaj vortaroj ekzistas por la sama vorto hazarde la sama nombro da signifoj: 29. Tio ne signifas, ke la subdivido estas farita sammaniere. (Kp. *Dicionários — Uma pequena introdução à lexicografia* [Vortaroj. Malgranda enkonduko en leksikografion], p. 124-125;)[1]

Ni ĉiuj scias, ke kaj la gramatiko kaj la leksiko de Esperanto estas geniaj kreaĵoj de Zamenhof — la leksiko ĉefe pro la sistemo de vortfarado.

En la vortproviza kampo Zamenhof kreis lingvon en kies pli-malpli oficiala vortaro la artikoloj estas malpli sub-dividitaj ol en aliaj lingvoj. Kiom da subdividoj ekzistas maksimume? En PIV ni trovas la jenajn nombrojn por la respektivaj kapvortoj: lasi – 6; trovi – 8; kapo – 10; fari – 11, de – 13.

Sendube en kelkaj kazoj oni povus fari pli da subdividoj. Kiel mi diris, "la vortaroj diferencas inter si tiurilate".

Zamenhof estis geniulo, sed tio ne signifas, ke oni ne povas fari kritikajn komentojn. Vidu:

En la naturaj lingvoj kelkaj (aŭ pluraj) vortoj havas du aŭ pli tute malsamajn signifojn (tiel ke en leksikografio oni diskutas pri tio, ĉu ili — la tiel nomataj homonimoj — devas esti en ununura vortara artikolo aŭ en apartaj artikoloj). Ekzemple la germana vorto *"Bank"* signifas kaj "banko" kaj "benko". Kion faris Zamenhof? Inteligente li diferenc-

igis: “banko“ kaj “benko“. Aliaj ekzemplo: “akcento/akĉento“ (ambaŭ estas *“accent“* en la franca, *“Akzent“* en la germana), “lingvo/lango“ (ambaŭ estas *“langue“* en la franca, *“língua“* en la portugala), “se/ĉu“ (ambaŭ estas *“si”* en la franca, *“se”* en la portugala), “fari/igi” (ambaŭ povas esti *“make”* en la angla, *“machen”* en la germana), “sento/senso/senco“ (la tri povas esti *“Sinn”* en la germana). Zamenhof kreis malsamajn vortojn ankaŭ en kelkaj okazoj, en kiuj la semantikaj diferencoj ne estas tiel grandaj. Ekzemplo: karno/viando.

Bedaŭrinde en kelkaj aliaj okazoj li ne diferencigis — tre verŝajne pro tio, ke en lingvoj kiujn li scipovis oni uzas la saman vorton por esprimi tute malsamajn signifojn. Ekzemple: “trovi” (kiel angle *“find”*, germane *“finden”*, france *“trouver”*, portugale *“achar”*) havas almenaŭ du klare diferencajn signifojn: a) “trafi tion, kion oni serĉas” (PIV); b) “opinii”. Zamenhof povintus krei ekzemple “trovi” por signifo (a) kaj “truvi” por (b).

Fine menciindas alia problemo: la uzo de malsamaj vortoj por esprimi la samon. Nur kelkaj ekzemploj:

En pluraj lingvoj oni uzas specifan prepozicion kune kun iu verbo: angle *“thank for“*, germane *“danken für“*, sed en Esperanto iuj uzas “danki pro“, aliaj “danki por“. Kial?

La prepozicio “de” havas multajn signifojn. Ĉar ekzistas la prepozicio “ekde”, mi preferus ke oni ne uzu “de” por esprimi la ideon de “ekde”. Aliaj lingvoj havas specifan vorton por esprimi “ekde”: angle *“since”*, germane *“seit”*, france *“depuis”*, portugale *“desde”* ktp. Kial uzi “de” en Esperanto por esprimi la signifon de “ekde”? Cetere la aŭtoroj de PIV konsilas: “Pro la multsenceco de de estas konsilinde uzi laŭeble, por diversaj adjektoj, pli precizan preposicion [...].”

Laŭŝajne ekzistas konfuzo pri la vortoj “kazo” kaj “okazo”. Ili estas plia ekzemplo de diferencigo farita de Zamenhof. En pluraj aliaj lingvoj ne ekzistas diferenco. Ambaŭ vortoj estas *“case”* en la angla, *“cas”* en la franca, *“caso”* en la portugala, *“Fall”* en la germana.

Verŝajne pro tio oni ofte uzas “kazo” anstataŭ “okazo”. Tamen laŭ PIV “kazo” estu uzata nur en la kampoj de lingvistiko, juro kaj medicino, dum “okazo” pli ĝenerale signifas “cirkonstanco, tio kio okazas”. Verdire en la Reta Vortaro, “kazo” estas ankaŭ sinonimo de “okazo”, sed — kvankam mi scias, ke lingvoj evoluas — kial ne diferencigi, se Zamenhof kreis du malsamajn vortojn? Aliflanke oni povus diri, ke en tiu okazo ne necesis diferencigi, ke la vorto “okazo” ne estas necesa. En tiu okazo — aŭ kazo — estus bone, ke la Akademio de Esperanto konsilus uzi nur la vorton “kazo” — ĉar la konfuzo pri “okazo” kaj “kazo” malhelpas la gelernantojn. Por la gelernantoj de la naturaj lingvoj ekzistas multegaj komplikaj aferoj.

En genie artefarita lingvo kiel Esperanto konsilindas eviti tiajn problemojn.

*(1) http://docs.wixstatic.com/ugd/1a4f50_ae16f5c3842f4a899991c8e14ef59e79.pdf.)*



# Eŭreka

## Rekombinado de genoj en bakterio — sekso, certagrade.

**Guilherme Jardim (Charqueada-SP)**

La scienco ofte progresas pro malofta hazardo. Unu tre feliĉa okazaĵo estis la decido fare de la genetikistoj koncentri la plejmulton el siaj esploroj sur la bakterion Escherichia coli. La motivo estas, ke ĝi estas ekstreme ofta, facile kultivebla en kulturo kaj, ĝenerale, komplete nedanĝera. Nur poste oni konstatis, ke E. Coli posedas kapablon, reale utilan, kiu estas nur kunposeditaj de relative malmultaj specioj de bakterioj: ĝi ebligas la rekombinadon de genoj, "bakteria sekso." Tiu malkovro, tre utila, permesis al la genetikistoj ellabori mapon de la genaro de E. Coli kaj klarigi la manieron kiel la malsamaj genoj interrilatiĝas.

Joshua Lederberg estis eminenta genetikisto de Yale University. En 1946, li laboradis kun sia lernanto E.L. Tatum studante la kapablon de la bakterioj preni kaj uzi la DNA-n unu de la aliaj. Tio jam estis konata antaŭ kvin jaroj, ekde kiam Avery je la unua fojo rimarkis kaj deduktis ke la DNA estas la molekulo el kiu la genoj konsistas. Rilate al la plejmulto el la tipoj de bakterioj, ni ne scias reale kiel ili agas, sed eble ili ensorbas la DNA-n de mortintaj bakterioj. Tamen, Lederberg kaj Tatum perceptis, ke E. Coli faras ion malsaman: la plejmulto el la bakterioj ne prenas la DNA-n unuj de la aliaj, sed kelkaj prenas ĝin parte, tiamaniere ili havigas al si diversajn kombinojn de genoj. Pli malfrue, oni konstatis ke la bakterioj devus havi efektivan kontakton, unu kun la aliaj, cele atingi tiun rezulton. La plej simpla klarigo estas ke la vivantaj bakterioj okaze grupiĝas kaj ŝanĝas inter si partojn de siaj genaroj.

Postaj studoj pri tiu fenomeno montris ke preskaŭ la tuta genaro de E. coli estas lokita en unu granda laĉo de DNA, sed okazas foje alia malgranda laĉo nomata "plasmideo", kiu enhavas genojn kiuj igas la bakterion produkti malgrandan tubon cele injekti la plasmideon en alian bakterion. Tio procezo estas nomata "konjugado". Nur okaze la plasmideo ligiĝas kun la precipa laĉo de DNA, kaj kiam tio okazas parto aŭ la tuta precipa laĉo estas injektita en alian bakterion, kune kun la propra plasmideo. Tio estas "rekombinado". Daŭras ĉirkaŭ naŭdek minutoj la tempo, por ke unu bakterio transsendu sian tutan genaron, sed la procezo ĝenerale haltas antaŭ ol tio, kaj do, nur parto de la genaro estas transdonita. La esploristoj rapide antaŭvidis la eblecojn, kiujn tio donus. Oni povas fari mapon de la loko de ĉiu geno de la genaro de E. coli observante kiom da minutoj daŭras la konjugado inter du bakterioj antaŭ ol

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

# Filozofio por nia ĉiutaga vivo
## Memhelpaj filozofiaj skoloj en la antikveco

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

III – SKEPTIKISMO – KONKLUDO

Skeptikismo (aŭ Pironismo) estas fondita de Pirono (ĉ. 360 – ĉ. 270 a.K), greka filozofo, kiu nenion skribis kaj nenion volis instrui. Laŭ li, la homa intelekto estas tiel limigita, ke per ĝi ne eblas atingi iun ajn veron.

Por la skeptikuloj, estas nenia vero kaj nenia certeco, ĉar per la sensoj oni konas nur ŝajnojn. Estas neeble koni la esencon de la aferoj kaj konkludi, ekzemple, pri la ekzistado de Dio aŭ de la animo, aŭ pri la kaŭzo de la universo.

Sekve estas necese reteni la juĝon pri ĉio. Oni ne devas juĝi personojn, nek faktojn kaj opiniojn. La plej ĝusta sinteno de skeptikulo estas la silento.

Same kiel la stoikistoj kaj la epikuristoj, la skeptikistoj aplikis sian filozofion en la ordinara vivo, por eviti maltrankvilecon kaj streĉecon. Konsiderante, ke tute ne ekzistas vero, ili sentis sin liberigitaj de la deziro al sciado kaj ties zorgoj.

Stoikismo, epikurismo kaj skeptikismo postlasis rimarkindan heredon en la historion de la filozofio. Spuroj de stoikismo troviĝas en la verkoj de Spinozo, Schopenhauer kaj Nietzsche, kaj en ĝi inspiriĝas la nuntempa tendenco al uzado de filozofio kiel gvidilo por la vivo, kiel helpilo antaŭ neatenditaĵoj.

Ĉiuj empiriismaj filozofoj, kiel Bacon kaj Locke, sekvis la pensmanieron iniciatitan de Epikuro, kaj la moderna plivalorigo de la korpo kaj de plezurigaj agoj havas epikurisman fonon. La skeptikismo reaperis en la okcidenta filozofio en la verkoj de Montaigne, Kartezio kaj Hume, kaj ĝi troviĝas en branĉo de la nuntempa filozofio, kies adeptoj tute rifuzas la asertojn de la scienco, de la religio kaj de la filozofio mem.



### Daŭrigo de la paĝo 23 — *Eŭreka: Rekombinado de genoj en bakterio*

ĉiu geno estu trasndonita. (Tion oni faras miksante du kulturojn kun malsamaj genoj identigeblaj, poste apartigante ilin en unu aparato, post difinita tempoperiodo.) Oni povas uzi tiun metodon por observi kiamaniere la agado de unu geno estas influata de la ĉeesto au neĉeesto de alia geno. Precize tiu malkovro komencis la genetikan revolucion en la sekvintaj kvindek jaroj.

*J. Lederberg e E.L.Tatum, Nature, 158, 558 (1946)*

# Moderna fabelo

## Fabelo pri anaso, kiu nomiĝis Anaso.

**Carlos Correa (São Paulo-SP)**

Estis iam anaso, sed ĝi ne estis ordinara anaso. Ĉi tiu anaso estis malordinara ĉefe por sia saĝeco, kiun neniam oni vidis en iu ajn loĝanto de la bieno, kiu ankaŭ fariĝis fama pro siaj konsiloj, same kiel gvidado kaj influo sur aliaj, inkluzive sur la homoj, kiuj vivis tie.

Foje, pro la famo de nia amiko, ĝi ricevis viziton de granda fremda grupo da saĝuloj kaj sciencistoj. En ĉi tiu tempo, la vera scio ne estis afero de la homoj, kaj la bestoj estis tiuj, kiuj havis la sciencajn kapablojn.

En la grupo estis musoj (la plej inteligentaj sur la tero, kaj ankaŭ la plej ruzaj), elefantoj (pro siaj memor-kapabloj, kaj korpa strukturo), simioj (la plej inteligentaj kemiistoj kaj la plej scivolemaj en la animala regno) kaj la serpentoj (ĉar ili estis tre enviemaj kaj sin kaŝis dum la pretigo de ĉi tiu granda vojaĝo).

La anaso, kiu nomiĝis Anaso, ege malfeliĉis, ĉar inter la plej eminentaj saĝuloj sur la tero, ne estis iu ajn parenco ĝia ja, eĉ ansero, eĉ sovaĝa anaseto. Pro tio ĝi koleris kaj kruelis dum la tuta renkontiĝo.

— Kŭak! Kial vi venis al mia regno, kŭak? — ĝi diris ĉe la biena pordo, ĉar ĝi ne volis atendi ĉiujn formalaĵojn de la okazo.

— Ho via moŝto! Ni, kiuj scias nenion, pli ol iu ajn, ni estas ĉi tie por peti vian konsilon.

— Do, diru ĉi tie, por ke ni estu praktikaj.

Kaj, per tiu respondo, Anaso estis oficiale malĝentila al siaj gastoj, ne sciante, ke tiu ago estos unu el la du nuraj mistrafoj de ĝia tuta vivo (la dua mistrafo estis manĝemo).

La delegito de la musoj do, rakontis pri alveno de la feriaj tagoj kaj pro tio okazos ankaŭ multaj perdoj kaj suferoj en la arbaro, ĉar la homoj alvenos ĉi tie por ĉasi, kaj tiel prepari siajn festenojn.

Ĝi ankaŭ rakontis, ke jam estas la tempo por ia kontraŭstaro tia, ke ĝi montrus al ĉiuj, ke la bestoj regas la mondon, kaj, ke la homoj devus sin nutri per fruktoj kaj herboj tiel, kiel ili faris en la pasinteco...

La anaso aŭdis tiujn rakontojn sen-pacience, ĉar laŭ ĝi, tiuj plendoj ne estis afero por ĝi, sed estis laboro por ĉiu bienano, kaj ili devus pensi pri iu solvo, kaj tuj forigi ilin .

Multajn monatojn post la kunveno, la bestaro estis en la bieno farante nenion, kiam la bienisto venis kun hakilo en-mane inter ili. Li estis maltrankvila.

Li rigardadis kaj serĉis iatempe, post iom da cerbumado, li diris:

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

# Socia vivo

## Ĉu la homaro progresas kaj evoluas?

**Newton Monteiro (São Paulo-SP)**

Oni facile konstatas la konfuzan situacion de la homa socio, en kiu ni trovas tiom da krimoj, korupto, militoj, mizero, vantemo, maljustaĵoj, fikutimoj. Pro tio oni supozas, ke la homaro retroiras en sia marŝado, cele al dezirata feliĉo kaj frateco inter ĉiuj popoloj.

Tamen, se ni turnas niajn okulojn al la pasinteco, ni eĉ ne povas kredi pri la grandaj suferoj, kiujn unu popolo trudas al alia popolo sendefenda. El tio rezultas sango verŝita kaj senprotektaj orfoj.

En Brazilo ni konstatas, ke la prospero en politika kariero dependas tro multe da mono uzita por venko en la balotbatalo. De tio rezultas amaso da korupto, kiu inkluzivas politikistojn kaj entreprenistojn.

Feliĉe, alvenis la sperto de la procezo nomata "Lava-Jato" ("rapid-purigado"), per kiu la Justeco intencas sanigi la politikajn sistemojn kaj starigi honestecon. Ĉi tiu ekzemplo de Brazilo certe transiras al aliaj landoj kaj la aresto de famaj entreprenistoj taŭgas kiel averto kaj indikas novan vojon al la monda evoluado.

Alia kontribuo al tiu modifo estas la migrado de suferantaj rifuĝintoj el unu nacio al aliaj, al riĉaj landoj. Ĉi tio certe kontribuos por la disvastigo de Esperanto tra la mondo. Ni atendu. La monda suferado estas pordo por disvastigo de nia lingvo.

Ni viglu kaj atentu. Ni semu kaj semu konstante. Per la Preĝo sub la Verda Standardo, Zamenhof esprimis kredon kaj asertis, ke ekzistas superega Forto, kiu regas nian destinon, cele al frateco kaj senlima amo!

### Daŭrigo de la paĝo 25 — *Fabelo pri anaso, kiu nomiĝis Anaso*

— Mi elektos por la tagmanĝo tiun, kiu estos la plej bongusta! Hodiaŭ mi manĝos kiel reĝo!

Kaj inter ĉiuj porkoj, kokoj kaj anasoj el tiu bieno, li elektis nian amikon Anaso, kiu, pro siaj mensaj laboroj, flankenlasis siajn devojn, kaj liaj butonoj ne plu fermiĝis sur ĝia jako.

La aliaj partoprenintoj de tia renkontiĝo atingis bonan interkonsenton kun sliaj mastroj, kiuj nun trapasas bonan dieton.

Moralo: Ĉiuj capablecoj de la mondo, la plej granda inteligenteco, povas blindigi nin pri la realaj bezonoj. Pro niaj pigroj ni dikiĝas kaj kiam ni bezonos tiujn, kiujn ni malestimis, povos esti tro malfrue kaj ni ja estos en ies ventro!

# Pikni-kumu

## Multkultura pikniko

**KIAM?** Dimanĉe, la 25-a de februaro, ekde la 2-a ĝis la 7-a vespere
**KIE?** Parque do Ibirapuera - Apud Praça da Paz kaj la Duoblaj Arkoj
**KION ALPORTI?** Vian pikniktukon, ion por manĝi kaj trinki **disdivide**, pilkojn, kartojn, tabulludojn, amuzaĵojn!
**KIAN LINGVON?** Ne kian, sed kiajn:) Esperanton, la anglan, la francan kaj la portugalan

**Evento kunordigita de MultiLingo Language Exchange kaj Clube Poliglota Sanpaŭlo**

dimanĉo, februaro 25 ekde 2 ptm ĝis 7 ptm

Parque Ibirapuera Conservação
Av. República do Líbano, 331, 04501000 São Paulo, Brazil

Kaŝi la mapon



Komunuma organizaĵo



querodoar@parqueibirapuera.org

Ricevi vojindikojn

**BV. KONFIRMU VIAN ĈEESTON ALKLAKANTE LIGILON EN LA PRISKRIBOJ**

# 12º Congresso Paulista de Esperanto

## Atibaia - SP

12 - 14 out 2018

## Novas faces do Esperanto na era digital

Realização:




Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

**Associação Paulista de Esperanto**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
CEP: 005041-000 São Paulo-SP
contato@easp.org.br | (11) 3862-1183